La broŝuro estas eldonita per la zorgoj de Komunista Frakcio de Sovetrespublikara Esperantista Unio. Traduko el la rusa lingvo estas plenumita de k-do P. Tilin (Leningrad) kaj, laŭ komisio de Lingva Komisiono ĉe C. K. SEU, kontrolita de k-do N. Hohlov (Moskvo).
Preslaboro estas plenumita de la presejo «Internacia» en Moskvo.

## La monta aglo

Unuafoje mi konatiĝis kun Lenin en 1903 jaro. Verdire tiu interkonatiĝo ne estis persona, sed perkorespondа. Tamen ĝi faris neforgeseblan impreson, kiu dum tuta mia laboro en la partio neniam min forlasis. Tiam mi estis ekzilita Siberion. Kiam mi ekkonis la revolucian agadon de Lenin, komencante de la 90-aj jaroj kaj precipe post 1901 jaro, post eldono de «Fajrero», mi konvinkiĝis, ke Lenin estas homo eksterordinara. Laŭ mia vidpunkto li tiam ne estis simpla gvidanto de la partio; li estis ĝia fakta kreinto, ĉar li sola komprenis la internan esencon kaj urĝajn bezonojn de nia partio. Kiam mi komparis lin kun la aliaj gvidantoj de nia partio, al mi ŝajnis ĉiam, ke la kunbatalantoj de Lenin — Pleĥanov, Martov, Akselrod kaj aliaj — estas je tuta kapo pli malaltaj ol Lenin, ke li, kompare kun ili, estas ne simple unu el la gvidantoj, sed gvidanto de la plej alta speco, la monta aglo, ne scianta timon dum batalo kaj kondukanta la partion antaŭen laŭ nekonataj vojoj de la rusa revolucia movado.

Tiu impreso tiom profunde eniĝis mian animon, ke mi eksentis bezonon skribi pri li al unu mia intima amiko elmigrinto, postulante ties opinion.

Post kelka tempo, troviĝante jam en Siberio, kiel ekzilito (tio estis en fino de 1903), mi ricevis entuziasman respondon de mia amiko kaj simplan, sed kun profunda enhavo, leteron de Lenin mem, kiun mia amiko sciigis pri mia letero. La letero de Lenin ne estis granda kompare, sed ĝi donis kuraĝan sentiman kritikon pri la praktiko de nia partio kaj mirige klaran, mallongan informon pri la tuta laborplano de nia partio por la plej proksima tempo.

Nur Lenin povis skribi pri la plej komplikaj aferoj tiel simple kaj klare, koncize kaj kuraĝe, kiam ĉiu frazo ne parolas sed pafas. Tiu simpla kaj kuraĝa letereto ankoraŭ plie min konvinkigis, ke Lenin efektive estas la monta aglo de nia partio.

Mi ne povas pardoni min, ke tiun leteron de Lenin, same kiel multajn aliajn leterojn, laŭ kutimo de malnova konspirulo, mi forbruligis. De tiam komenciĝis mia konateco kun Lenin.

## Modesteco

La unuan fojon mi renkontiĝis kun Lenin en decembro de la jaro 1905, dum la konferenco de bolŝevikoj en Tammerfors (Finlando). Mi esperis ekvidi la montan aglon de nia partio, grandegan homon, grandegan ne nur politike, sed ankaŭ korpe, ĉar Lenin bildiĝis en mia imago kiel altulo, model-forma kaj impona homo. Kia do estis mia disreviĝo kiam mi ekvidis ordinaran homon, pli ol mezaltan, tute neniom diferencan de simplaj mortemuloj.

Estas kutimo, ke «fama homo» devas ĉiam mal-fruiĝi al la kunvenoj, por ke la kunvenintoj, kun haltigitaj korbatoj, atendu lian aperon; kaj antaŭ la apero de la fama homo la kunvenintoj avertas: «tss... pli mallaŭte... li iras...» Ĉi tiu rito ŝajnis al mi ne superflua, ĉar ĝi imponas.

Kia do estis mia miro, kiam mi ekscîis, ke Lenin alvenis la kunvenon antaŭ la delegitoj, kaj sin kaŝinte en angulo, tute simple parolis kun ordinaraj dele-gitoj de l'konferenco. Mi ne volas kaŝi ke tio ek-

ŝajnis al mi tiutempe, kvazaŭ iu disrompo de la certaj necesaj reguloj.

Nur poste mi komprenis, ke tiu simpleco kaj modesteco de Lenin, tiu emo resti nerimarkita aŭ ĝenerale ne substreki sian altan situacion — tiu eco prezentas unu el la plej fortaj flankoj de Lenin, de tiu nova gvidanto de l'novaj amasoj, simplaj kaj ordinaraj amasoj, de la profundaj «malsupraĵoj» de l'homaro.

## Forto de la logiko

Rimarkindaj estis du paroladoj de Lenin, faritaj dum tiu konferenco: pri la aktuala momento kaj agrara demando. Bedaŭrinde, ili estas ne konservitaj. Tio estis entuziasmigantaj paroladoj, ravintaj la tutan konferencon.

Eksterordinara konvinkiga forto, simpleco kaj klareco de l'argumentado, mallongaj kaj por ĉiuj kompreneblaj frazoj, foresto de afekto, foresto de l'kapturnigaj gestoj kaj de patosaj vortoj — ĉio ĉi faris la paroladojn de Lenin malsamaj al paroladoj de ordinaraj parlamentaj oratoroj. Sed tiam min ĉarmis ne tiu flanko de la paroladoj de Lenin. Min ĉarmis tiu nevenkebla forto de la logiko en la paroladoj de Lenin, kiu tre firme kaptis la aŭditorion, iom post iom elektrizis ĝin kaj poste tute ekposedis, kiel oni diras: «senrezerve».

Mi memoras kiel multaj delegitoj tiam diris: «Logiko en la paroladoj de Lenin — tio estas iaj ĉiopovaj palpiloj, kiuj ĉirkaŭprenas de ĉiuj flankoj per pinĉteniloj, el kies ĉirkaŭprenoj ne estas eble sin elŝiri: oni aŭ kapitulacu aŭ vidu sian plenan malvenkon...»

Mi opinias ke tiu eco en la paroladoj de Lenin estas la plej forta flanko de lia oratora arto.

## Sen plendaj ĝemoj

Duan fojon mi renkontis Lenin'on en la jaro 1908 dum la Stokholma kongreso de nia partio. Oni scias, ke en tiu kongreso la bolŝevikoj estis malmultenombroj kaj ili estis venkitaj.

Unuan fojon mi vidis tiam Lenin'on venkita. Eĉ iom li ne similis tiujn gvidantojn, kiuj ĝemas kaj perdas esperon post la malvenko. Kontraŭe, la malvenko aliigis Lenin-on en iun kondensaĵon de energio, entuziasmigantan siajn kunlaborantojn por novaj bataloj, por estonta venko.

Mi parolas pri la malvenko de Lenin. Sed kia estis tiu malvenko? Oni devis vidi la kontraŭulojn de Lenin, la venkitojn dum la Stokholma kongreso— Pleĥanov-on, Akselrod-on, Martov-on, kaj aliajn: ili tre malmulte similis efektivajn venkintojn, ĉar Lenin per sia senindulga kritiko do menŝevismo ne lasis ĉe ili, figurdire, eĉ peceton da viva loko.

Mi memoras kiel ni, delegitoj-bolŝevikoj, amasiĝis ĉirkaŭe, rigardis Lenin-on, demandante lian konsilon. En paroladoj de kelkiuj el delegitoj estis rimarkebla

laciĝo, malespero. Mi memoras, kiel Lenin, respondante al tiaj paroladoj, akre diretis tra dentoj: «Ne ĝemu plende, kamaradoj, ni nepre venkos, ĉar ni estas pravaj». Malestimo al ĝemantaj inteligentuloj, kredo je siaj fortoj, kredo je venko — jen pri kio parolis tiam Lenin kun ni. Oni sentis ke la malvenko de bolŝevikoj estas nur provizora, ke bolŝevikoj devas venki dum proksima estonteco.

Ne ĝemu pro malvenko—jen estas speciala eco en la agado de Lenin, kiu helpis al li unuigi ĉirkaŭ si armeon, sindonan ĝis fino kaj kredantan je siaj propraj fortoj.

## Sen fieremo

Dum la sekvinta kongreso en la jaro 1907, en Londono, la bolŝevikoj estis venkintaj. Tiam mi unuafoje vidis Lenin-on en la rolo de venkinto. Kutime la venko turnigas kapon de gvidantoj, faras ilin arogaj kaj fieremaj. Plej ofte en tiaj okazoj oni komencas glorigi la venkon, ĝui laŭrojn. Sed Lenin neniam similis tiajn gvidantojn, kontraŭe, ĝuste post la venko li fariĝis tre singardema kaj zorgoplena. Oni memoras, kiel Lenin insiste tiam inspiris la delegitojn: unue — ne trograndigu la venkon kaj ne estu fieremaj, due — firmigu la venkon; tria — finvenku la kontraŭulon, ĉar li estas nur venkita, sed ankoraŭ ne estas finvenkita. Li sarkasme mokis tiujn delegitojn, kiuj facilanime pruvis, ke «de nun la menŝevikoj estas finitaj». Li facile pruvis, ke menŝevikoj ankoraŭ ĝis nun havas kernojn en la laborista movado, ke nun oni devos batali scipove, diversmaniere, evitante la trotakson de siaj fortoj kaj precipe malĝustan takson de la fortoj ĉe la kontraŭuloj.

Ne esti fierema pro la venko — jen estas eco en la karaktero de Lenin, kiu helpis al li sobre pritaksi la fortojn de siaj kontraŭuloj kaj asekuri la partion kontraŭ eventualaj neatenditaĵoj.

## La principeco

Gvidantoj de partio ne povas ignori la opinion de la plimulto de sia partio. La plimulto estas forto, kiun ne povas ignori la gvidanto. Lenin tion komprenis ne malpli bone, ol ĉiu alia gvidanto de la partio. Sed Lenin neniam fariĝis sklavo de l'plimulto, precipe kiam la plimulto ne havis sub si principan fundamenton. Okazis en la historio de nia partio momentoj, kiam la decido de l'plimulto aŭ minutaj interesoj de la partio konfliktis kun la radikaj interesoj de l'proletaro. En tiaj okazoj Lenin, ne longe pensante, decide defendis la principecon kontraŭ la plimulto de l'partio.

Eĉ pli — li ne timis elpaŝi en tiaj okazoj tute sola kontraŭ ĉiuj, konsiderante, — kiel li ofte paroladis pri tio, — ke «la principa politiko estas la plej prava politiko». Precipe estas karakteraj tiurilate jenaj du faktoj.

Unua fakto. Periodo 1909—1911 j. j., kiam la partio, venkita de la kontraŭrevolucio, travivadis plenan disecon. Tio estis periodo de mal-

kredo je la partio. periodo de amasa forkuro el la partio ne nur flanke de la intelegentuloj, sed parte eĉ de laboristoj. periodo, kiam oni rilatis negative la konspiron, periodo de la likvido kaj disfalo. Ne nur la menŝevikoj, sed ankaŭ la bolŝevikoj tiam prezentis tutan vicon da frakcioj kaj opinioj, plejparte forŝiritaj de la laborista movado. Oni scias, ke en tiu sama periodo aperis la ideo pri plena likvido de konspiro kaj pri laŭleĝa, liberala organizaĵo laborista, pri partio de ĉefministro Stolypin.

Lenin tiam estis sola, kiu ne obeis la komunan malsanecon kaj alte tenis la standardon de partieco, kolektante disigitajn kaj disbatitajn fortojn de la partio, kun mirinda pacienco kaj neordinara persisto batalante kontraŭ diversaj kontraŭpartiaj opinioj en la laborista movado, defendante partiecon kun neordinara kuraĝo kaj kun antaŭe nevidita insisto. Oni scias, ke tiun disputon pri partieco Lenin fine gajnis.

Dua fakto. Periodo 1914—1917 j.j., periodo de la disfloro de la imperialisma milito, kiam ĉiuj aŭ preskaŭ ĉiuj social-demokrataj kaj socialistaj partioj, subiĝante al komuna patriotisma malsano, konsentis servi al la patria imperialismo. Tio estis periodo, kiam la II-a Internacio mallevis siajn standardojn antaŭ la kapitalo, kiam la ŝovinisman ondon ne povis kontraŭstari eĉ tiaj homoj, kiel Pleĥanov, Kaŭtski, Guesde k. a.

Lenin tiam estis sola aŭ preskaŭ sola, kiu komencis insistan batalon kontraŭ la social-ŝovinismo kaj

social-pacifismo, kiu klarigadis la perfidon de Guesd-oj kaj Kaŭtski-oj kaj stampis la duonecon de la interdoktrinaj «revoluciuloj». Lenin komprenis, ke lin sekvas negranda malplimulto, sed tio ne havis por li decidan signifon, ĉar li sciis, ke sole prava politiko, havanta post si estontecon, estas politiko de konsekvenca internaciismo, ĉar li sciis, ke la principa politiko estas la plej prava politiko. Oni scias, ke dum tiu batalo por nova Internacio Lenin restis venkinto.

«La principa politiko estas la plej prava politiko» — ĝi estas la formulo, per kiu Lenin atakis novajn «nevenkeblajn» poziciojn, konkirante por la revolucia marksismo la plej bonajn elementojn de l'proletaro.

## Kredo je la amasoj

Teoriuloj kaj gvidantoj de partioj, konantaj la historion de popoloj, trastudintaj la historion de revolucioj de komenco ĝis fino, iafoje havas unu malkonvenan malsanon. Tiu malsano estas nemata — timo de l'amasoj, nekredo je la kreantaj fortoj de l'amasoj. Tiurilate iafoje aperas ĉe la gvidantoj speco de aristokratismo rilate al la amasoj, kiuj ne estas spertaj en la historio de revolucioj, sed kiuj estas vokitaj por detrui la malnovon kaj konstrui la novon. La timo pri tio, ke la fortoj de l'naturo povos disvolviĝi, ke la amasoj povas «detrui pli multe ol necesas», deziro ludi rolon de vartistino, kiu penas instrui la amasojn per libroj, sed ne deziras mem ion lerni ĉe la amasoj,—tia estas la fundamento de tiu aristokratismo.

Lenin estis tute malsama kompare kun tiaj gvidantoj. Mi ne konas alian revoluciulon, kiu tiom profunde, kiel Lenin, kredus je la kreantaj fortoj de l'proletaro kaj je la revolucia praveco de ĝia klasa instinkto. Mi ne konas alian revoluciulon, kiu

povus tiel senindulge vipadi la menkontentajn kritikistojn de la «kaoso de revolucio» kaj de «la bakĥanalio de senpripensaj agadoj de l'amasoj», kiel Lenin. Mi memoras, kiel dum iu konversacio, responde al rimarko de unu kamarado, ke «post revolucio devas veni normala ordo», Lenin sarkasme diris: «estas malfeliĉe, se homoj, dezirantaj esti revoluciuloj, forgesas, ke la plej normala ordo de l'historio estas la ordo de revolucio». El tio sekvis la malestimo de Lenin por ĉiuj, kiuj penis de supre rigardi la amasojn kaj instrui ilin laŭ la libroj. El tio sekvis la ĉiama prediko de Lenin — lerni ĉe l'amasoj, pripensadi ties agadojn, atentege studi la praktikan sperton de l'amasbatalo.

Kredo je la kreantaj fortoj de l'amasoj — estas ĝuste tiu speciala eco en la agadoj de Lenin, kiu ebligis al li profunde pripensi la revolucian elementon kaj konduki ĝian movadon al la vojo de la proleta revolucio.

## Geniulo de l'revolucio

Lenin estis naskita por revolucio. Li vere estis geniulo de revoluciaj eksplodoj kaj grandega majstro en la gvidado de revolucio. Neniam li sentis sin tiel libere kaj ĝoje, kiel dum periodoj de revoluciaj eksplodoj. Per tio mi tute ne volas diri ke Lenin egale laŭdis ĉiun revolucian eksplodon, aŭ ke li ĉiam en ĉiuj cirkonstancoj aprobis la revoluciajn eksplodojn. Tute ne. Per tio mi nur volas diri, ke neniam la genia antaŭsento de Lenin sin montris tiel plene kaj detale, kiel dum revoluciaj eksplodoj. En la tagoj de la revoluciaj vojturnoj li verdire disfloradis, fariĝis antaŭvidanta, divenanta la movadon de l' klasoj kaj la eventualajn zigzagojn de la revolucio, vidante ilin kvazaŭ sur manplato. Ne vane oni diras en la partia medio, ke «Iljiĉ scias naĝi en la ondoj de revolucio, kiel fiŝo en akvo». El tio devenis la «miriga» klareco de taktikaj signalvortoj kaj «kapturniga» kuraĝo de revoluciaj projektoj de Lenin. Mi memoras du precipe karakterajn faktojn ilustrantajn tiun econ de Lenin.

U n u a  f a k t o. Periodo antaŭ la Oktobra renverso, kiam milionoj da laboristoj, kamparanoj kaj soldatoj, instigataj de la krizo ĉe la fronto kaj postfronto, postulis pacon kaj liberecon; kiam la generalaro kaj burĝaro preparis militan diktatorecon por la interesoj de la «milito ĝis finô», kiam ĉiu tiel nomata socia opinio, ĉiuj tiel nomataj socialistaj partioj agis kontraŭ la bolŝevikoj, insultante ilin kiel germanajn spionojn; kiam la ministro Kerenskij penis eksterleĝigi kaj eĉ iom sukcesis eksterleĝigi la partion de bolŝevikoj; kiam ankoraŭ fortegaj kaj disciplinitaj armeoj de la aŭstro-germana koalicio staris kontraŭ niaj lacigitaj kaj disfalantaj armeoj, kaj okcident-eŭropaj socialistoj feliĉe koaliciis kun siaj registaroj por interesoj de la «milito ĝis plena venko»... kion signifis komenci la ribelon tiumomente? Levi la ribelon en tiaj cirkonstancoj signifis ĉion meti sur la karton. Sed Lenin ne timis riski, ĉar li sciis, vidis per siaj antaŭvidantaj okuloj, ke la ribelo estas neevitebla, ke la ribelo venkos, ke la ribelo en Rusio preparos la finon de la imperialisma milito, ke la ribelo en Rusio levos la turmentitajn amasojn de Okcidento, ke la ribelo en Rusio aliigos la militon imperialisman je milito civila, ke la ribelo donos Respublikon de Sovetoj, ke tiu Sovetrespubliko estos fundamento por la revolucia movado en la tuta mondo.

Oni scias, ke tiu revolucia antaŭvidemo de Lenin efektiviĝis poste kun mirinda ĝusteco

D u a  f a k t o. La unuaj tagoj post la Oktobra Revolucio, kiam la Popolkomisararo penis igi la ribelantan generalon ĉefmilitestron Duĥonin'on, ke li ĉesu la militagadon kaj komencu la pritrakton de l'paciĝo kun la germanoj. Mi memoras, kiel Lenin, Krylenko (estonta ĉefmilitestro) kaj mi veturis la ĉefan stabon en Piter'n (tiam oni nomis Leningradon-Petrograd, mallongigite—Piter., P. T.) al telegrafo por intertrakti kun Duĥonin. Estis timiga minuto. Duĥonin kaj lia ĉefstabo rifuzis plenumi la postulon de Sovnarkom (Popol-Komisararo, P. T.). La komandantaro estis plene sub influo de la ĉefstabo. Kio koncernis la soldatojn, estis nekonate kion opinias la 12-miliona armeo, kiu obeis la tiel nomatajn armeajn organizaĵojn, kiuj estis inspiritaj kontraŭ la Soveta potenco. En Piter mem, kiel oni scias, la junkroj jam preparis ribelon. Krom tio Kerenskij marŝis milite al Piter. Oni memoras, kiel post ioma paŭzo apud la telegrafaparato la vizaĝo de Lenin ekbrilis per ia neordinara lumo. Oni vidis, ke li jam ion decidis.

«Ni iru la radiostacion», diris Lenin, — «kaj utiligu ĝin; ni forigu per speciala ordono generalon Duĥonin, anstataŭu lin per kamarado Krylenko, kiel ĉefmilitestro, kaj trans la kapoj de l'komandantaro nin turnu al la soldatoj per alvoko—aresti la generalojn, ĉesi militagadojn, interligiĝi kun aŭstro-germanaj soldatoj kaj preni la aferon de paco en siajn proprajn manojn».

Tio estis salto en nekonaĵon. Sed Lenin ne timis tiun «salton», kontraŭe, li iris al ĝi renkonte, ĉar li sciis, ke la armeo volas pacon kaj ĝi almilitos la pacon, forigante dum sia vojo al paco ĉion kaj detruante ĉiujn baraĵojn. Kaj li sciis, ke tia rimedo por starigi la pacon ne preteriros nerimarkite por la aŭstro-germanaj soldatoj, ke ĝi elvokos pacemon en ĉiuj frontoj senescepte.

Oni scias, ke la revolucia antaŭvidemo de Lenin tute ĝuste antaŭdivenis la pli postajn okazintaĵojn. Genia antaŭsentemo, la eco—rapide ekkapti kaj diveni la internan sencon de estontaj okazoj, — jen kio helpis al Lenin disvolvi ĝustan strategion kaj klaran linion de konduto ĉe la vojturnoj de la revolucia movado.

## La stilo de Lenin

Mi ne parolos pri stilo literatura. Mi parolos pri stilo de laboro, pri tio aparta kaj originala en la praktiko de leninismo, kio kreas apartan tipon de Leninano - laboristo.

Leninismo estas teoria kaj praktika lernejo, ellaboranta tipon de partia kaj ŝtata laborulo, kreanta apartan, Leninan stilon en laboro. El kio do konsistas karakteraj ecoj de tiu stilo? Kiaj estas ĝiaj ĉefaj ecoj? Tiuj ĉefaj ecoj estas du: a) rusa revolucia temperamento kaj b) amerika aferismo. La stilo de leninismo estas kunligo de tiuj du ĉefaj ecoj en la partia kaj ŝtata laboro. Rusa revolucia temperamento estas kontraŭveneniilo por malrapidemo, neprogresemo, konservatismo, pensostopiĝo kaj sklava rilato al la praavaj tradicioj. Rusa revolucia temperamento estas tiu viviga forto, kiu vekas penson, movas antaŭen, disrompas la pasinton, donas planon. Sen ĝi nenia movado antaŭen estas ebla. Sed ĝi havas ĉiujn ŝancojn praktike degeneri je malplena «revolucia» fantaziemo, se oni ne unuigos ĝin kun la

amerika aferismo en laboro. Ekzemploj de tia degenero estas tro multaj. Kiu ne konas la malsanon de «revolucia» verkemo kaj de «revolucia» planado, kiu havas kiel sian fonton la kredon je forto de dekreto, povanta ĉion organizi kaj ĉion aliigi. Rusa verkisto E. Erenburg, montris en sia rakonto «Uskomêel» (mallongigo por la rusa: la plej perfekta komunista homo. P. T.) tipon de «bolŝeviko», obsedita de tiu malsano, de «bolŝevismano», kiu faris al si taskon skizi planon de la plej ideale-pliboniĝita homo, kaj... «tute dronis» en tiu «laboro». En la rakonto estas ega pligrandigo, sed la aŭtoro ĝuste ekkaptis la sencon de la malsano—tio estas klare. Sed neniu ŝajnis moki tiajn malsanulojn tiom malŝate kaj senkompate, kiel Lenin mem. «Komunista tromemfido» — tiamaniere li insultis tiun malsanan kredon je verkemo kaj dekretkreado.

«La komunista tromemfido signifas — diradis, Lenin — ke la homo, estante en la komunista partio, kaj estante de tie ne forigita, imagas, ke ĉiujn taskojn li povas solvi per komunista dekretado» (el parolado ĉe la kongreso de Politik-klerigaj organizaĵoj).

Al la revoluciaj multbabiloj Lenin kutime kontraŭstarigis simplajn, ĉiutagajn aferojn, substrekante per tio, ke la «revolucia» verkemo estas kontraŭa al la senco kaj litero de la efektiva leninismo. Pli malmulte da pompaj frazoj, — diras Lenin, — pli multe da simpla ĉiutaga afero... Pli malmulte da

politika vortklakado, pli multe da atento al la plej simplaj, sed vivaj faktoj de la komunista konstruado» (el «Grandega provo»).

La amerika aferismo estas, kontraŭe, venenilo kontraŭ la «revolucia» revemo kaj fantazia verkemeco. La amerika aferismo — estas tiu nevenkebla forto, kiu ne scias kaj ne akceptas obstaklojn, kiu forigas per sia aferema insisto ĉiujn kaj ĉiajn barojn kiu ne povas ne fini la unufoje komencitan aferon, se ĝi estas eĉ malgranda, kaj sen kiu estas nepensebla la serioza konstruisma laboro. Sed la amerika aferismo havas ĉiujn ŝancojn por degeneri je mallarĝa kaj senprincipa aferemaĉo, se oni ĝin ne unuigas kun la rusa revolucia temperamento. Kiu ne konas la malsanon de malvasta praktikeco kaj de senprincipa aferemaĉo, kiuj ne malofte eĉ flankigis kelkajn «bolŝevikojn» de la revolucia afero. Tiu siaspeca malsano respeguliĝis en la rakonto de B. Pilnjak «La nuda jaro», kie estas prezentitaj tipoj de rusaj «bolŝevikoj», plenaj de volo kaj de praktika decidemo, «funkciantaj» tro «energie» sed senigitaj de kapablo bone plani, ne sciantaj «kio por kio estas» kaj devojiĝantaj pro tio de la vojo de sia revolucia laboro. Neniu tiom akre mokegis tiun aferaĉan malsanon, kiel Lenin.

«Malvastfrunta praktikismo», «senkapa aferemaĉo», tiel traktis Lenin tian malsanon. Li kontraŭstarigis al ĝi, kutime, la revolucian aferon kaj neceson de revoluciaj planoj en ĉiuj aferoj de nia ĉiutaga laboro;

substrekante per tio, ke la senprincipa aferemaĉo estas same kontraŭleninisma, kiel kontraŭa estas «la revolucia» verkemeco. Kunigo de la rusa revolucia temperamento kun la amerika aferismo — jen estas la esenco de leninismo en la partia kaj ŝtata laboro. Nur tiu kunigo donas al ni la kompletan tipon de laborulo - leninano, kaj la stilon de leninismo en la laboro.

# ENHAVO



---


Мосгублит № 28.716 Заказ 485 Тираж 3.000 экз.

„Интернациональн." (39) т. „Мосполиграф", Путинковский, 3.

Prezo 15 kop.



Deponejo de la libro:

1. POR SOVETIO: C. K. de Sovetrespublikara Esperantista Unio, Spiridonovka, 15, Moskvo, URSS.
2. POR ALILANDOJ: R. Lerchner, Colmstrasse, 1, Leipzig 0 27, Germanio.